# ESPERANTO

Internacia Gazeto duonmonata de Universala Esperanto - Asocio


# — La ringo fermiĝas —

## Post la 12a de Marto — Deklaro svisa — Konkludoj

### Post la 12-a de Marto 1938

Premsonĝo peze pendas super la mondo. La fulmosimila nuligo de l' Aŭstria sendependeco konsternigis ĉiujn. Kaj kvazaŭ ĉirkaŭ rompita poto, la supersaĝuloj ĉiulandaj serĉas klarigon « *kiel kaj kial ĝi povis okazi ?* » La 12-a de Marto 1938 estas la logika sekvo de l' malrespekto al solenaj deklaroj, certigoj kaj promesoj faritaj al batalintoj, venkintoj kiel venkitoj en 1918-1919.

La reakcio pri la abrupta procedo en Aŭstrio estas profunda. Instinkte oni sentas ĉie minacon al ĉio. kio ne konformiĝas al la totalecaj doktrinoj brue proklamataj ĉiel. Kaj la danĝero ekzistas, spite la trankviligaj klarigoj de la estroj de l' situacio. Sed la novaĵoj sin sekvantaj senhalte ja nur malkonfirmas solenajn certigojn. La starigo de la Granda Germanio. precize priskribita en la konfes-libro de l' germana estro, efektiviĝas paŝo post paŝo.

Oni parolas kaj aŭdas multe pri la « centmiliona » popolo germana. Ĝuste tiu ĉi propaganda eldiro igas pripensi. El kio ĝi konsistas ? Utilas ĝin koni ! Laŭ germana propagandilo, disdonita en Aŭstrio ekzistas germanoj en

| | |
|---|---|
| Danzig | 348 000 |
| Polujo | 1.245 000 |
| Ruslando | 1 185 000 |
| Baltiko | 248 000 |
| Ĉeĥoslovakio | 3 790 000 |
| Italujo | 235 000 |
| Jugoslavio | 740 000 |
| Hungarlando | 385 000 |
| Rumanio | 800 000 |
| Francujo | 1 634 000 |
| Belgujo | 50 000 |
| Danlando | 77 000 |
| Luksemburgo | 250 000 |
| Svislando | 2 900 000 |
| Liechtenstein | 13 000 |
| | 13 900 000 |

Tio estus do ĉirkaŭ 14 milionoj da germanparolantoj aŭ loĝantoj de regionoj apartenintaj en nebula estinteco al Germana Imperio. Adiciante 76-80 milionojn de nuna Granda Germanio oni atingus sumon inter 90-94. Supozeble la mankantaj milionoj formiĝas el la germanlingvanoj de aliaj kontinentoj.

« *Kio estas de germana raso devas reveni al la imperio* », estas postulo de la ekstrema pangermanismo. Nu, se la libera volo de iu popolo, esprimata sen « milda » premo ekstera volas tion, oni ne povus alie, ol ĝin respekti Dume Svislando, Luksemburgo kaj eĉ Liechtenstein solene deklaris sian volon resti sendependaj.

### Svisa deklaro

Diversaj signoj de l' tempo kaŭzis, ke Svislando, per la organoj leĝfarantaj kaj leĝplenumantaj, deklaris daŭrigi sian jarcentaĝan tradicion de neŭtraleco kaj sian firman volon defendi la teritorion svisan per ĉiuj rimedoj kontraŭ kiu ajn atakonto. Malmultaj personoj en aliaj landoj komprenis tiun ĉi netan deklaron.

La Viena Kongreso 1814 rekonis la konstantan neŭtralecon de l' svisa ŝtato, kun la devigo, sin defendi per armiloj, okaze de atako. Tiu ĉi neŭtraleco do ne estas ia « donaco », nuligebla de ekstere, se cirkonstancoj tion postulus.

La aliĝo de Svislando al la Ligo de Nacioj, iom modifis tiun ĉi centprocentan neŭtralecon. Jam pli frue, la svisa registaro, rezervis al si la rajton, ne partopreni en iaj klopodoj aŭ agoj, kontraŭ ŝtato, ne respektinta sian devon. Tio rilatis ekzemple pri transporto de fremdaj trupoj tra Svislando, por eventuale respektigi decidon de la Ligo de Nacioj. Kaj laste, la sankcioj kontraŭ Italio, devigis la svisan registaron, reveni je la tradicia neŭtraleco kompleta.

La profunda kaŭzo de tiu ĉi sinteno, estas la nekompleteco de la Ligo de Nacioj, la videbla malinklino de l' grandaj potencoj meti sian tutan arsenalon da iloj kaj rimedoj respektigi decidon. Alie dirita : la bankroto de l' principo de la kolektiva sekureco.

# Por la svisa sendependeco

## Deklaroj de la Federala Konsilantaro Svisa kaj de la diversaj grupoj politikaj, 21 Marto 1938

*Je la komenco de la kunsido de la du ĉambroj de l' svisa parlamento (Federala Kunveno) estis farita la jena deklaro, en la nomo de la Federala konsilantaro (registaro) de la Nacia Konsilantaro (deputitaro) kaj de la Konsilantaro de la Ŝtatoj (Kantona Reprezentantaro), en plenplena salonego de la Federacia Palaco en Berno.*

*La deklaro estis legita germane de Sinjoro Baumann, prezidanto de la Svisa Konfederacio, en franca lingvo de Sinjoro Pilet-Golaz, Federala konsilanto kaj en itala lingvo de Sinjoro Motta, Federala konsilanto.*

*Jen la teksto :*

**La 13an de Marto, la Aŭstria ŝtato kun kiu Svislando havis korajn rilatojn de najbareco ĉesis ekzisti kiel sendependa ŝtato. Tiu ĉi historia okazaĵo kiu sin disvolvis sub niaj okuloj havas gravecon senmezuran. La volo unuigi la popolojn de Germanujo kaj de Aŭstrio ne estas nova aspiro ; ĝi jam kaŭzis en la pasinta jarcento armitajn konfliktojn. Tiu ĉi volo nun triumfas !**

**La Federala Konsilantaro komprenas la emocion, kiu kaptis nian popolon. Ĝi uzas la okazon, kiun al ĝi prezentas la kolektiĝo de la Federala Kunveno en ordinara kunsido por klarvidigi la opinion kaj dispeli timojn senfundajn.**

**La ŝanĝo kiun suferis ĉi tiujn lastajn tagojn la politika karto de Eŭropo, nur povas havi kiel efikon, malfortigi la politikan situacion de Svislando. La sendependeco kaj la neŭtraleco de la Konfederacio kontraŭe nur povas firmiĝi, pli ol iam necesegaj por manteni la eŭropan ekvilibron.**

**Solenajn certigojn oni donis al ni de ĉiuj flankoj rilate tiun ĉi konsideron. Ilia valoro estas nekontestebla. Neniu el niaj tri najbaroj povus intenci aŭ deziri la malaperon de Svislando. Neniu el ĝi minacas niajn demokratajn instituciojn, kiuj konsistigas la vivkaŭzojn esencajn de la Konfederacio kaj de ĝiaj dudekdu kantonoj. Estas jarcenta misio de Svislando en Eŭropo, gardi en la intereso de ĉiuj, la pasejojn de la Alpoj. Svislando kovras kaj protektas vivnecesajn partojn ĉe la landlimoj de siaj najbaroj. La volo de la svisa popolo plenumi tiun ĉi mision kaj respektigi sian sendependecon je la prezo de sia sango, estas unuanima kaj neŝanceligebla.**

**Svislando restas flanke de fremdaj kvereloj. Ĉiu atako kontraŭ la tuteco de nia tero konstituus krimon abomenegan kontraŭ la homa rajto.**

**La leciono tirebla el ĉi tiuj okazaĵoj ne havas ian dubon : Niaj penadoj por rekonigi nian kompletan neŭtralecon, devas esti daŭrigataj kaj realigotaj. Necesas plie, ke ni klopodu interrilati kun ĉiu el niaj najbaroj kaj en sama mezuro, korekte kaj amike. La lukto kiu fariĝas en eksterlando inter sistemoj politikaj kontraŭaj, ne koncernas nian ŝtaton. Ĉiu popolo estas libera doni al si sian reĝimon internan. La svisa popolo estas unueca kaj devas resti unueca en la volo defendi senkondiĉe kontraŭ kiu ajn kaj ĝis la lasta spiro la senkomparan patrolandon kiun Dio donis al ĝi.**

**Ni sciu en ĉi tiuj konfuzaj tempoj nin penetrigi ĉiam pli de la misio kiun la Providenco donis al ni : Ni pruvu, ke demokratio kiel la nia estas la reĝimo de la disciplinita libereco kaj ke nenio povus ŝanceligi la solidecon de la federala interligo.**

*Post la deklaro de la Federala Konsilantaro, S-roj Grimm, Vallotton kaj Dollfus, naciaj konsilantoj, S-roj Zust, Béguin kaj Bolla, ŝtataj konsilantoj, faris ankaŭ, en franca germana kaj itala lingvoj, la sekvantan deklaron, kiun la sep grupoj de la Federala Kunveno, t.e. la radikaloj, la socialistoj, la konservatoroj katolikaj, la kamparanoj, la liberaluloj, la demokratoj liberaj kaj la sendependuloj, estis unuanime aprobintaj :*

**Ĉiuj grupoj de la Parlamento aprobas la deklaron de la Federala Konsilantaro. Ili certigas solene, ke la tuta svisa popolo — sen distingo pri lingvo, religio aŭ partio — estas preta defendi la netuŝeblecon de sia teritorio ĝis la lasta sangoguto, kontraŭ kiu ajn atakanto. Tiu ĉi defendo estos tiom pli efika, ke ĝi apogos sin sur la respektoj de la popolaj rajtoj kaj sur la kunlaboro de la tuta popolo.**

**La svisa popolo estas preta konsenti la necesajn oferojn por sia nacia defendo, sed la militista kadro de la lando estus vana, se ĝi ne apogiĝus sur la spiritaj kaj moralaj fortoj de la tuta popolo : la unueco inter ĉiuj konfederacianoj devas venki la politikajn kaj ekonomiajn konfliktojn, kaj niaj internaj diskutoj devas okazi kun la digneco, la respekto ŝuldataj al aliulaj opinioj, kaj la fideleco pri niaj demokratiaj institucioj.**

**La Federala Konstitucio donis, kiel atribuojn al la Federala Konsilantaro, la zorgon prigardi la eksteran sekurecon de Svisujo, la daŭrigon de sendependeco kaj de neŭtraleco. La svisa popolo subtenas la Federalan Konsilantaron en tiu ĉi zorgo fundamenta, kiu devas okazi laŭ la demokratia spirito svisa kaj kun plena akordo kun la parlamento.**

**Konfidema pri la Providenco, kiu ĉiam protektis nian landon, la svisa popolo estas preta kontraŭstari kun decidemo kaj kuraĝo la provojn, kiujn la malico de l' tempoj povus rezervi al ĝi.**

### Konkludoj

Kian konkludon ni tiru el ĉi-tiuj historiaj okazintaĵoj ? Unuan kaj ĝeneralan. Ĉi tiu estas, ke ŝajne neniam la kolektivo homa kapablos, lerni ion el faritaj spertoj. La dua kaj pli proksima konkludo estas, ke la idealo de tutmonda justeco estas provizore konservata en muzeo ! Kaj la tria konkludo estas, ke organismo kiel la Ligo de Nacioj restos senefika politike, se la ŝtatmembroj ne kuraĝos uzi la lastan rimedon, por respektigi sindevigon de iu, senpreme donitan.

*

Vidinte, ke de la Ligo de Nacioj oni povas neniom atendi, pro la malsamaj interesoj kaj mallarĝa egoismo de l' potenculoj en ĝi, la svisa ŝtato sekvos sian tradician vojon. Akceptante la solenajn certigojn de l' estroj germana kaj itala, la svisa popolo surprenas la ŝarĝojn de armigado por esti preta. La semoj de totalecaj doktrinoj importitaj de l' oriento, nordo kaj sudo ne ĝermis en la sterila tero svisa, kio forigas internan danĝeron.

La nuna situacio tuŝas ankaŭ la Esperanto-Movadon. Siatempe, kiam Komitato de UEA, malrespektante statuton kaj leĝon, volis fortransporti la sidejon al Londono, iu sagaculo opiniis, ke en proksima konflikto, Svislando estos entirata. Tio supozigus, ke en venonta konflikto eŭropa, Britujo povos resti en sia brila izoleco !

La ringo fermiĝas ! Nia movado, komenciĝinta en orienta Eŭropo, vegetas en nuna USSR. UEA kaj eĉ SAT estas malpermesitaj tie. De l' enlanda societo, la SEU oni neniom plu aŭdas. En Germanio ĉia agado porlingva estas malpermesita. Aŭstrio, nun parto de Germanio sekvos. En Italio nia afero vegetadas senespere. En Hispanio kaj Portugalo la esp. vivo estas paralizita. Kaj en Ekstremoriento, du regnoj, gravaj en nia movado, bataladas. La ringo fermiĝas !

La eksteraj cirkonstancoj minacas detrui nian laboradon por jardekoj. Urĝas ke la internaj konfliktoj trovu solvon per taŭga aranĝo inter la vivantaj fortoj de la movado. Ne ĉie ĝin minacas la sorto kiel en Germanio. Sed estas videble, ke la agantaj samideanoj forlasas ĉion, tedegataj pro tiu ĉi ne-inda spektaklo, komenciĝinta en 1934. La devo de l' momento estas konservi kaj defendi tion kion oni atingis.

H. J.


Universala Esperanto - Asocio

Centra Oficejo : Palais Wilson, Genève, Svislando

# Socio kaj Lingvo

## La Retoromanĉoj

De Peider Lansel

En la interno de Alta Retio, la germanigo de kelkaj valoj buŝantaj al la urbo Chur (Coire) estas ŝuldata al la enmigrado de la Walser.

En Chur, kiel raportas la kronikisto Champel oni komprenis ankoraŭ ĝenerale la romanĉan en la mezo de la 16a jarcento, sed la uzata lingvo taga estis jam la germana. En antaŭurbo etburĝa, trans la rivero, kie la Retoromanĉa povis sin manteni pli longe, konservas la memoron je ĝi la nomo «Welschdörfli» (Vilaĝo de la velŝoj). Se la reformacio unuflanke favoris la germanigon en Chur kaj aliloke, ĝi ankaŭ nekonteste kontribuis konsolidigi la situacion de la romanĉa en la Rejnvaloj kaj en la Engadino. Kie fremdaj elementoj sukcesis fiksiĝi sur reto-romanĉa tero, ili rapide estis absorbitaj de la ĉirkaŭanta indiĝenaro, tiel ke ĉi tiuj idoj de enmigrintoj fariĝis pli malfrue la plej fervoraj defendantoj de la malnova lingvo.

En la unua triono de la 19-a jarcento, dum la plena florado de la romantisma epoko, Svislando fariĝas « granda modo ». En Grizono, kie al la varia scenaro alpa aldoniĝas la multnombraj sanigaj fontoj, oni konstatas nekredeblan masan alfluon de vizitantoj. Dum la kuro de kelkaj jardekoj *centobliĝas* la loĝantaro de vilaĝoj kiel San Murezzan (Sankt Moritz). Tiu ĉi subita invado estas grava danĝero por la konservado de la romanĉa. Malpli pro la kosmopolita maso, ol pro la supergranda nombro de tiuj, kiuj daŭre restas en la lando, kiel sekvo de la hotela industrio. Tiu ĉi maso, kiu aperis tiel neatendite, kaŭzas fluhalton, kiun la romanĉa organismo havas penon absorbi. Ni ankaŭ diru malkaŝe ke la romanĉa loĝantaro, duonsvenigita pro la granda konfuzo, kreis la impreson, ke ĝi devas flankstari honteme kaj cedi la lokon al la enmigrantoj.

Kiel tipan ekzemplon sufiĉas citi, kio okazis, kiam temis ke sekve de la nova Federala Konstitucio de 1848, necesis fiksi la oficialajn nomojn de la komunumoj por la poŝta servo. Ĉe tiu ĉi okazo, *la Romanĉoj, rajtigitaj unuavice*, sen la plej eta premo, sen la plej eta enmiksiĝo de la registaro, elektis serveme neromanĉajn nomojn aŭ eĉ inventis tiajn. Pro tio la germanigitaj nomoj : Sankt Moritz por *San Murezzan* Martinsbruck por *Punt Martina*, Tiefenkasten por *Chasté* k. t. p. Italigitaj nomoj « Ponte por *La Punt*, Campovasto (!) por *Chamues-ch*. Aŭ latinigitaj: Silvaplana por *Selaplauna*.

Aliaj komunumoj kiel ekzemple Ardez kaj Vuorz ricevis la nomon germanlingvan de la lokaj kasteloj: Steinsberg kaj Waltensburg. Por elimini la legitiman nomon romanĉan oni adoptis idiotajn formojn kiel Bevers por Bever, Zutz por Zuoz, Süss por Susch k.t.p. *Ĉio tio okazis per la helpo kaj manko de kompreno flanke de la Romanĉoj, per ili mem.* Necesas jardekoj da klopodado, por forigi ĉi tiujn burokratajn absurdaĵojn kaj restarigi la malnovajn kaj legitimajn romanajn nomojn. Ĉi tiu laboro, nur komencita, nun, devas esti kompletigata per la helpo de la nomlibro.

Dume sur la grizona tero, la Romanĉa kiel *oficiala lingvo* samranga al la germana kaj la itala, povas sufiĉi pli malpli al la taga uzado, ĝi ne plu sufiĉas trans la kantonaj limoj je la postuloj de la moderna vivo. La Retoromanĉoj estas devigataj, lerni apud ilia propra lingvo alian. Ke tio pro la forto de la kondiĉoj estas unuavice *la germana*, nur povus surprizi tiun, kiu ne konas la ekonomiajn kaj kulturajn rilatojn inter la romanĉaj regionoj kaj la ceteraj partoj de Grizono kaj de la cetera Svislando. La romanĉoj trovas sin en sama situacio kiel la itale parolantaj loĝantoj de la grizonaj valoj. Ankaŭ ili ne povas seniĝi de la scio de la germana lingvo, se ili nur volas iom esti egalaj al la konfederaciano germanlingva, kiuj kiel oni ja scias, atribuas grandan gravecon al la studo de fremdaj lingvoj. Supozante do — sed ne konsentante — ke la itala lingvo povus anstataŭi la romanĉan en Grizono, ne malaperus la neceso koni la germanan. Ĝi nur kreskigus la malfacilecon, ĉar al italo la lernado de la germana estas multe pli peza tasko ol al la romanĉa indiĝeno.

Ĉar la romanĉoj posedas en ilia antikva lingvo veran « *magian ŝlosilon* », kiu laŭsperte, faciligas ne nur la studadon de la novlatinaj, sed ankaŭ de la ĝermanaj lingvoj. Tiu ĉi fakto, estas komprenebla senpene por ĉiu, kiu havas okazon, kompari la akcenton de germano, italo aŭ franco, parolanta fremdan lingvon, kun tiu de romanĉo. Nuntempe, kiam la kono de fremdaj lingvoj montriĝas nepre necesa, la rezigno je tiom granda avantaĝo, nur por lokigi la germanan aŭ la italan je tiu ĉi pozicio, similus al la vendo de la rajto de la unua naskiĝo por plado de lentoj. Je tio nenio ŝanĝas ke la nomitaj lingvoj estas centfoje perfektaj eble. Sed ĝuste en la decida punkto ili *ne estas samvaloraj*. Sed oni povas esti certaj, ke la Romanĉoj, *multlingvaj pro neceso* — sekve de ilia elmigrado en ĉiuj landoj de la tero kaj sekve de la kosmopolita klientaro de iliaj gastejoj — sin gardas por rezigni je tia avantaĝo.

Kio koncernas la influon de la itala je la romanĉa, ni rilatas nin, je la pene preciza dokumentado de Ascoli, al kiu nenio preterpasas. Ĝi montras superige la *preskaŭ mortigan influon*, kiun ekzercas la senpera kontakto de la italaj dialektoj al la ladinaj. En Grizono mem ni vidas la ekzemplon de la Bergell-valo (Val Bregaglia). La retoromanĉa idiomo nur povis konserviĝi dank' al la geografia orientiĝo al la nordo. Spite ĝi vidis ankaŭ tie ĉie la minacon de ĝia ekzisto, pro engadinaj verkistoj, kiuj, por laŭdire plinobligi la lingvon, komencis ornami ilian poezion kaj prozon per nombro da tute superfluaj italaj vortoj kaj formoj. La engadina elmigrado en Venecion (ĝis 1765) influis multe malpli ol la pli malfrua al Toskano.

Sed jam la unua traduko de la Biblio (1679) de Vulpius kaj Dorta troviĝas sub la lingva influo de la itala traduko de Diodati (Genève 1607), oni povus diri, kopiita preskaŭ ol konsultita. Cetere la tradukistoj mem malkaŝe konfesis « esti foriginta la malriĉecon de la lingvo per adopto de italaj vortoj ». En la dua eldono de 1743 superkreskas la italianismoj. La revizianto Not da Porta klarigas, kvazaŭ por fari meriton el tio « la lingua es a plü podair polida ».

Kaj tiel daŭriĝis kun Frizzoni kaj multaj aliaj ! La Retoromanĉa alveninta je tia misvojo, maltigante ĝin je senkaraktera bastarda dialekto, travivis, speciale en la Engadino, vere penplenan dekadecon, atribuata al la influo de la itala. La reakcio ne mankis. Ĉe la rando de la abismo la romanĉa povis esti haltigata.

(Daŭrigo sekvos)

## PENSEROJ

*Vivo sen plezuro similas je granda vojaĝo sen gastejo.*

Demokrit.

*

*Sen sufero ne formiĝas karaktero. Sen plezuro nenia spirito.*

E. von Feuchtersleben.

*

*Nur per eduko, homo vere iĝas homo.*

Plato.

*

*Longa estas la vojo per instruo mallonga kaj efika per ekzemplo.*

Seneca.

*

*Plej bone oni rekonas karakteron de homo ĉe monaferoj, ĉe trinkado, dum kolero.*

Talmud.

*

*La poŝo estas la plej delikata organo de l' homo.*

Maŭro Jokai.

# Helpu al Hispanaj Infanoj

## Pensu pri la doloro de Hispanujo




**La aŭto kolono de la neŭtrala svisa helpo por hispanaj infanoj**



**Sensarĝigo de la nutraĵoj en Madrid**

La alvoko je helpo al malsatantaj infanoj hispanaj trovis kompreneman aŭskulton ĉe la legantoj. Dume «La Stelo» Amika Rondo Esperantista en Genève povis adopti infanon en Madrid por kelkaj monatoj.

«Svisa Espero» bonvolis atentigi pri tiu-ĉi agado. Ni invitas la svisajn grupojn imiti la ekzemplon de la ĝeneva. Por 15 Frk. monate oni povas nutri infanon kaj ĝin savi de pereo. Al diversaj demandoj ni respondas : Tiu-ĉi helpo estas absolute neŭtrala sen distingo partia. Ĝi estas rajtigata de la Svisa Registaro.

Bonvolaj samideanoj el aliaj landoj povas kunhelpi. Ĉia donaco estas kvitancata tie-ĉi.

Memoru la terurajn okazaĵojn en Hispanujo, mildigu per via malgranda monhelpo la mizeron de malfeliĉaj infanoj.

Helpo al Hispanaj Infanoj.

# Brunnen

## ĉe la Lago de Kvar Kantonoj, esperantista libertempejo 1938

*La rilato kun majesta naturo estas vera rafinado por l'animo.*

Ebel.

Eble neniu alia urbeto en Svislando kunigas tioman abundecon de naturbelaĵoj grandiozaj kaj originaj, kiel la aminda *Brunnen* kaj la regiono ĉirkaŭanta ĝin, kiuj estas la klasikaj lokoj de la svisa konfederacio.

La nombro kaj la malofta beleco de bordaĵoj kunigas tiun belegan alpan scenaron, kiu daŭre restas nova kaj unika kaj incitas la imagpovon. Konsiderante plie la favorajn klimatajn kondiĉojn kaj multajn aliajn agrablaĵojn de la regiono, tiam ne mirigas, ke tiom multaj artistoj kaj naturamikoj prefere restadas tie ĉie kaj laŭdas *Brunnen* kun ĝia ĉirkaŭaĵo, kiel unikaĵon de alpa beleco. Alexandre *Calame*, kiu kreis tie ĉi unu el siaj plej famaj pentraĵoj, skribis al amiko en Brunnen :

« Vi loĝas en la plej bela lando de la mondo ! »

...Kiel efektive realiĝintaj revoj ili kuŝas tie ĉi, la sanktaj lokoj de la malnovaj konfederitoj, kiujn priskribis kaj glorigis Schiller en sia nemortebla poemo, tiom mirige bele.

Efektive oni ne scias, se surpaŝante la bordon de Brunnen la unuan fojon, ĉu la naturo liveris ilustraĵojn por la legita teksto de Wilhelm Tell, aŭ ĉu la majesta verko de la granda poeto interpretis al ni, tiun ĉi regionon per poezio. Volonte refreŝigas sin la migranto ĉe tiu ĉi juneciga fonto, kiel tie ĉi la spirito sin regalas, altlevita per grandaj memoraĵoj.



Urba Domo (Rathaus) en Schwyz



Malnova domo kampara



La Kapelo en la vilaĝo

BRUNNEN

Tie ĉi la naturo kreis la arsenalon de la libereco. Tie ĉi ĝia radianta brilo lumis el la malhelo de l' subpremo kun tuta potenco.

*Sub fiera mok' kaj humila plor' Kreiĝis Svisa Lig, kun glor'.*

Konanto de Brunnen kaj de ĝia regiono la bonkonata verkisto Th. Gsell-Fels skribis la jenajn liniojn:

« *Brunnen havas la kompletan vidon sur la plej belaj golfoj de la lago de l' Kvar Kantonoj, kie la idilie-delikata bordo verda, tuŝata de la klarriĉa akvo, kuniĝas kun la serioza majesto de la montaro, beleco simile pentrinda kiel animrefreŝiga, nenialoke atingita* ».

Brunnen troviĝas ĉe la kurbiĝo de la lago, kie la Urner Becken (Baseno de Uri), etendiĝanta de sudo al nordo, transiras okcidente en tiun de Gersau, ĉe nordokcidenta piedo de la Wasiwand (Wasimuro) antaŭŝtupo de la Frohnalpstock kaj tute en la antaŭaĵon de la bela herbejo, deiranta de la du Mythen, kaj okcidenten de la dense arbarita Urmiberg, apartenanta al la Rigigrupo kaj formanta la limon.

Okcentmetro-longa kajo, ornamita de arboj, tuŝata de la plaŭdanta lago, fermas la viglan havenlokon kontraŭ la lago. La alteco estas 440 m. super la maro.

Brunnen estas unu el la plej vizitataj vaporŝipstacioj de la lago kaj samtempe grava stacio de la Gothard-Fervojo. Kiel centro kaj deirpunkto unuaranga por ekskursoj en origina Svislando kaj kiel rendevuejo de multaj pentristoj, la loko ricevis altan gravecon, ne malpli ankaŭ kiel klimata kaj ripoza restadejo en printempo, somero kaj aŭtuno.

## Informoj pri la aranĝoj kaj pri la kosto de l'Esperantista Libertempo aperos en sekvanta numero

## Ĉu vi estas kontenta pri via profesio ?

La usonanoj pruvas ĉion volonte per nombroj, nigre sur blanke. Usona statistiko estas eble la sola sur tuta mondo, kiu penetras ĉien, en ĉiujn aperaĵojn kaj en ĉiujn vivocentrojn. En Usono oni konstruas ankaŭ la subtilegajn maŝinojn por kalkuli.

Pasintjare la universitato de Stanford en Kalifornio faris enketon inter la iamaj studentoj. La trimil iamaj studentoj devis respondi la demandon, ĉu ili estas kontentaj pri ilia profesio. Kaj montriĝis, ke el la trimil nur 576 plene aŭ nur kun malgravaj limigoj respondis **jes,** dume 2424 **neis** firme, certigante, se ili revenus sur teron, ili elektus tute alian profesion.

Ĉi tiun certe interesan enketon entreprenis nur unu universitato. Ĝi bazis sur psikologia fundamento. La iniciaton donis la konata usona statistikisto C. G. Wren. La celo de la enketo estis la fundamenta demando, ĉu la krizo influas depremige kaj ĝis kia grado, nebone elektita profesio haltigas la iniciaton ekonomian, industrian kaj sciencan, samtempe malaltigante la efikecon de la laboro. Plie la statistiko devis montri al gepatroj kaj edukistoj de la junularo, ke oni bone pripensu antaŭ la difino de profesio, ke tiu ĉi ne iĝu baro por la estonta vivo. Inter la demanditaj malkontentuloj 45 % elektis la profesion sub la premo de la edukistoj kaj similaj cirkonstancoj.

Plej malkontentaj estas la politikistoj kaj la petrolinĝenieroj. Tiu ĉi rezultato interesas pro tio, ke la meza homo ĝenerale kredas, ke la profesio de politikisto, respektive de publicisto aŭ de diplomato estas tre alloga kaj aktiva. Dume la efektiva situacio estas ĝuste male. En la rango de la malkontentuloj sekvas post la politikistoj la petrol inĝenieroj. Tiu ĉi malamo venas el tio, ke la profesio estas sufiĉe danĝera kaj riska. La konsolo de multe pli alta salajro ol en alia inĝeniera fako ne estas do sufiĉa logilo. La arkitektoj, inĝenieroj elektroteknikaj kaj konstruktoroj estas jam pli kontentaj.

La tria kategorio, kiu volonte ŝanĝus la profesion estas la sciencistoj. Multaj elektas ĉi tiun karieron kredante, ke ĝi permesas distingiĝi, ke ĝi ebligas entrepreni vojaĝojn interesajn, tiel ligante la utilon kun la agrablo. Malofte oni konsciiĝas, kiom pene vivas ofte la esplorantaj scienculoj kaj devas rezigni je plej simpla komforto de la vivo.

Pli bona rezultato estas konstatebla inter la bankistoj. Ankaŭ tiu ĉi profesio estas submetata al surprizoj ne-agrablaj, speciale en Usono. Tamen el tiu ĉi grupo, 53 % deklaris entuziasme, ke ili estas kontentaj pri la profesio kaj eĉ montras fierecon pri atingita sukceso.

Inter la geologoj nur 38 %, inter la kemiistoj nur 30 % kaj inter la instruistoj nur 29 % estis plene kontentaj. Sed plej kontentaj estas la usonaj kuracistoj kiuj estas tre respektataj kaj ĝuas grandan reputacion. Ankaŭ estas nur sep procentoj, en tiu ĉi grupo, kiuj deklaras ke ili sub aliaj laborcirkonstancoj troviĝus pli bone.

La juristoj preskaŭ senescepte estas kontentaj, kaj nur 5 % el tiu ĉi grupo faris observojn.

(Laŭ Illustr. Kurier, Codzienny, Kraków)

## Epigramo

Havas nune la amikoj
Karakteron tre melonan;
Vi rilatos kun kvindekoj
Ne trovinte unu bonan.

G. S.

## Kulturigo de la Kolorado-Dezerto

Unu el la plej grandaj entreprenoj de la « **New Deal** » la « All America » kanalo por irigacii la Kolorado-dezerton en Suda Kalifornio kaj Arizona, oriente de Los Angeles, alvenas je finiĝo. La ĉefa parto de l'kanalo jam en nuna monato povas esti uzata. La kanalo celas transformi dezerton kun jara pluv-kvanto de malpli ol 5 cm. en ĝardenon. La amplekso estas ĉ. 400 000 hektaroj.

Tiu ĉi kanalo konsistas el du kolosaj brakoj, de kiuj unu komenciĝas, malmultaj kilometroj norde de Yuma, meksikana limurbo kaj kiu vojiras 130 km okcidente de la Koloradorivero. Ĝi dissendas centojn da flankaj brakoj en la regiono de la Imperial Valley. La dua brako havas longecon de 200 km kaj etendiĝas super la valo de Coachella. La grundo estas seka, sed kulturebla. La irigacia reto estas nutrata de la giganta Boulder-akvobaro, kiu konservas la nemezureblajn akvomasojn de la Roka Montaro kaj jam nun posedas provizon da akvo por tri jaroj. La ĝisnuna dezerto fariĝos tiel ĉefa kulturejo por legomoj, salatoj kaj melonoj, destinataj por la vintra merkato de Usono.

## Teknikaj jubileoj en 1938

Antaŭ 275 jaroj eltrovis O. von Guericke de Magdeburg, la frotelektromaŝinon. — Antaŭ 250 jaroj Thévard eltrovis la muldadon de spegulvitro — Antaŭ 200 jaroj Bernouilli instigis, provi movigi ŝipojn per la helpo de la reakcia efiko de akvo eligata el tuboj. Tiu ĉi ideo estas aktuala nuntempe — Antaŭ 100 jaroj estis konstruita la unua maŝino por muldi literlipojn, Becquerel indikis la vojon por gajni metalojn per elektrolizo (diserigo per elektro), James Nasmyth evoluis la unuan vapormartelon, August Steinheil konstruis la unuajn elektrajn horloĝojn. En la sama tempo oni sukcesis konstrui la unuan vapor-vinktmaŝinon kaj la sesradan fervojan veturilon per Lindley. Antaŭ 75 jaroj malkovris Alfred Nobel la principon de la inicia ekflamigo per meĉo, la usonano W. Bullock ricevis patenton por unua uzebla rotacia presmaŝino. Kaj Werner von Siemens iniciatis la hejtigadon de urboj per gazo. — Antaŭ 50 jaroj estis enkondukita la filmfotografado, estis evoluita la unua sekelemento, kaj Dunlop eltrovis la pneŭmatikon por la bicikloj. Antaŭ 25 jaroj Langmuir eltrovis la gazlampon kaj Bergius la benzin-sintezon, respektive la likvidigon de karbo por gajni oleon.



# Literaturo



## Generacioj

*de Dimo Sjarov*

Hela, suna posttagmezo. La vasta ĝardeno de la palaco estas senhoma. Super mi centjara kaŝtanarbo etendas malrektajn ombrigajn branĉojn. Lasinte min sur ligna benko, mi rigardas medite rustajn, ĉirkaŭkreskitajn per hedero murojn de la antikva fera kaĝo. Iam ĉi tie estis enfermitaj tridek ĉasfalkoj de la fiera palacmastro.

Seka, nerva ekrido ĉesigas miajn pensojn. Ridis malplaĉa, ĉifona maljunuleto, kiu nerimarkite estis eksidinta sur la alia rando de la benko.

— Ili forestas tute, ĉu ne ?

Mi ne komprenas.

— Kiuj ?

— La falkoj ! Forflugis ili ien la eternecon — tiel, kiel forflugis ankaŭ la gloro de miaj praavoj.

Mia nekompreno pliiĝas.

— Sed kion komunan havas viaj praavoj kun tiu ĉi kaĝo ?

La sangoruĝaj okuloj de la maljunuleto ekbrilas :

— Kion komunan mi havas ? Ja tiu ĉi palaco apartenis al miaj praavoj. Ne rigardu min tiel mirfrapite. Mi estas la lasta ido de tiu glora familio. Sed mi ludperdis kaj fordrinkis ĉion. La ŝtato aĉetis aŭkcie mian palacon. Kaj nun, kiam neniu estas en la ĝardeno mi ŝtelvenas ĉi tien kvazaŭ rabisto, por rigardi iom tra la malfermitaj fenestroj la brilon de la oraj fazanoj, eltranĉitaj sur la silkaj tapetoj de mia iama ripozejo. Sango enfluas mian kapon ĉe la rememoro, ke en ilia ombro nun dormetas ia skabieca registristo, kaj en la aleoj de la malnova parko, kie tintis iam la paŝoj de miaj graciaj praavoj, pedeloj veturigas siajn dikajn bebojn. Kia profanigo de nia familia honoro ! Kaj tiun ĉi staton mi kaŭzis, mi, la maljuna malĉastulo kaj drinkulo.

La maljunuleto eltiras malpuran tukon kaj viŝas la eklarmintajn okulojn. Post ioma paŭzo li daŭrigas :

— Vi estis supre, en la ĉambrego de la solenoj, ĉu ne ? Vi vidis tie kiel estas pentrita mia praavo, kiu konstruigis la palacon. Triumfantaj amasoj portas lin sur siaj brakoj. Fiera li estis — ne ĉifono kiel mi. Mi amis malĉastulinojn, sed li nur unu inon amis sensaĝe...

La maljunuleto subite eksilentas. Sed mia scivolo estas ekscitita.

— Kiun ? mi demandas malpacience.

La maljunuleto per krude malĝentila tono respondas :

— Ĝi estas familia sekreto. Sed, se vi deziras ekscii ĝin, pagu do.

Mi ŝovas bankbileton en la etenditan manon de la maljunuleto.

— Mia avo, daŭrigas la maljunuleto, amis nur la reĝinon. Ŝi loĝis tie supre, en la turo sur la rokoj. Kaj ĉi tie, sub ŝiaj fenestroj, decidas li konstruigi por si palacon. Ŝi ja vidu, ke ankaŭ li, kvankam estanta sen krono, povas vivi reĝe. Antaŭ ol estis konstruita la palaco, ĉi tie, sur la sama loko, estis tricent domoj. Mia praavo detruigis ilin ĝis la fundamentoj. Granda tumulto estis. Iuj malriĉaj homoj kontraŭstaris, sed mia praavo enfermigis ilin en ferkaĝojn kaj kiel kaptitajn en kaptiloj ratojn li dronigis ilin en la riveron.

Mi intermetas :

— Tre kruela estis via praavo.

La maljunuleto levas la ŝultrojn.

— Tiaj estis tiam la tempoj. Sed mia praavo ne estis tiel kruela. La familia kroniko prezentas lin gaja kaj bona kantulo. Li ŝatis la bonan manĝon kaj trinkon, kiun oni proponis al li nur en oraj teleroj. Eĉ li igis, ke oni verŝu sur la fojnon en la marmoraj manĝujoj de la ĉevaloj plenajn kaldronegojn da vino miksita kun mielo. Belajn noktojn li pasigis kun la reĝino. Ŝi malsuprenvenis tra la incensata per aromaj rezinoj sekreta subtera pasejo, kiu estis fosita en la rokoj sub ŝia turo. Mia praavo akceptis ŝin en la ĉambrego de la solenoj. Dum ili enbrakigis sin kaj kisadis sin sub la peza silka baldakeno, dek bronzkoloraj sklavinoj, alkondukitaj el la malproksima nekonata oriento, muzikis mallaŭtajn misterajn kantojn per cimbaloj.

Sed la reĝo ekscíis pri tiuj sekretaj intervidiĝoj kaj ekpensis kruelan venĝon. Li igis masonbari la malsupran elirejon de la subtera pasejo kaj enlasigis ĝenen du sangavidajn pro malsato sovaĝajn tigrojn. Post tio oni diskombis la silkajn harojn de la reĝino. Kaj okazis io malhoma, terura...

La maljunuleto denove eksilentas. Sed mia scivolemo estas kondukita ĝis ekstrema grado.

— Kio okazis post tio ?

La maljunuleto ŝovas sian malpuran manon sub mian nazon.

— Pagu ja ! Ĉu vi volas dondonace ekscii miajn familiajn sekretojn?

Mi enŝovas denove bankbileton en lian manon. La maljunuleto metas ĝin en sian poŝon, leviĝas kaj ekforiras.

— Sed kio okazis kun la tigroj? mi krias post li.

La maljunuleto ekgratas sian kolon.

— Kio? Nenio! Vi mem povus ankaŭ elpensi la finon !

Mi salte leviĝas.

— Ĉu do vi mensogis min ĝis nun?

— Kion fari? Maljuna mi jam estas por la malfacila laboro sur la haveno kaj mi penas perlabori mian panon per elpensaĵoj, kiujn mi rakontas en la ĝardenoj. Kaj nun — dankon, kaj « adiaŭ ».

La maljunuleto deprenas sian ĉifitan ĉapelon kaj riverencas al mi ĝistere.

El bulgara trad. A d a.

## Tombo - Surskribo

(El Italujo)

Mi estis tia, kia estas vi,
Vi estos tia, kia estas mi.
Memoru pri tio
Kaj iru kun Dio.

Karl Vanselow.

## La plej granda

**magneto** troviĝas en la Radium instituto de Leningrad. Ĝi pezas 75 tunojn kaj povas altiri 150 tunojn da fero;

**helico** de aviadilo estas nuntempe konstruata en la De-Havillard uzinoj. Ĝi estas destinata por aviadmotoroj kun 1700 ĉevalpovoj. Ĝia diametro estas 4,43 m.;

**horloĝo** de la mondo troviĝas en Durban (Sudafriko). Temas pri horloĝo sur aviadilejo. Ĝi havas diametron de 70 m.;

**teleskopo** estas en la Mount-Wilson observejo en Kalifornio. Ĝi havas spegulobjektivon kun diametro de 2,5 m. (Nuntempe oni prilaboras pli grandan en la Corning-uzinoj kun kava spegulo de diametro de 5 m.);

**tunelo** estas nuntempe en Virginia, USA, jus finita. Ĝi estas 30 km. longa, do 10 km. pli longa ol la Simplon-tunelo;

**akvokonduko** estas en Los Angeles. Ĝia longo estas 400 km.;

**ponto** estas la Golden Gate ponto ĉe eniro de la golfo de San Francisco. Du turoj el ŝtalo, 210 m. altaj portas la mezan parton de la ponto, kiu mezuras 1280 m.;

**gasometro** troviĝas en la Rejn-vestfalia Karboregiono. Ĝi estas en konstruado kaj havos diametron de 80, kaj altecon de 147 m.;

**teatro** plenaera estas en Johannesburg (Sudafriko). La spaco de la planka lamparo estas 150 m. larĝa.

(Laŭ « Pionier », Zlin).

## INTERNACIAJ ESPERANTO - KURSOJ

La internaciaj Esp. Kursoj en Helsingör, Danlando, 16-24 de Julio kaj 15-25 Aŭg.

Denove en la venonta somero okazos la internaciaj feriaj kursoj en la internacia altlernejo en Helsingör. Ke la Esperantistaro tre ŝatas tiujn internaciajn kursojn kun ĝiaj eminentaj prelegantoj kaj geinstruistoj, kaj ke oni tre ŝatas ferian restadon inter tre multaj diverslandaj samideanoj en tre sincere amika atmosfero kaj en la tre alloga regiono, montras la fakto, ke la internaciaj feriaj kursoj dum 17 jaroj konstante kreskadis laŭ nombro de la partoprenantoj. En la pasinta somero partoprenis 210 personoj el 14 landoj.

De la 16. - 24. de julio okazos la internacia kursserio, kiu ampleksas **elementan** (laŭ Cseh-metodo), **daŭrigan** (laŭ konversacia metodo), **perfektigan** kaj **seminarian** kursojn.

De la 15. - 25. de aŭgusto okazos la 10-taga internacia ferio Esperantista kun 1-2 prelegoj ĉiutage de plej eminentaj Esp-prelegistoj. Dum la sama tempo estos ripetata la seminaria kurso.

Jenaj personoj prelegos en ambaŭ aranĝoj aŭ en nur unu el ili : F-ino M. Saxl, Berlin; f-ino M. Noll, Kopenhago; s-ro de Waard, Rotterdam; rektoro s-ro Sam Jansson, Stockholm; s-ro Teo Jung, redaktoro de Heroldo; s-ro P Neergaard, LK'ano, Kopenhago, kaj s-ro L. Friis, Aabyhøj.

Posttagmeze estos aranĝataj diversaj ekskursoj al vidindaj lokoj (ekz. al sveda insulo Hveen kaj al sveda urbo Helsingborg). Vespere estos aranĝataj amuzajoj, teatrajoj, diskutoj, kantado ktp.

La kostoj por partopreni la unuan kurssemajnon (loĝo, manĝo kaj kotizo) estos 48,- d. kr. La kostoj por partopreni la 10-tagan ferion Esperantistan estos 55,-d. kr. - 1,- d. kr. egalvaloras proks. 0,55 Rmk., 0,88 sv. kr., 0,90 norv. kr., 11 angl. pencojn, 0,40 nederl. guld., 6,65 fr. fr., 0,95 svis. fr., 1,30 belg. fr., 6,25 ĉeĥ. kr., 1,18 pol. zlot. Pro la malalta dana monkurzo la partopreno en unu el la feriaj aranĝoj estos eksterordinare malmultekosta. La manĝoj estas bonegaj kaj la ĉambroj belaj.

Ni varme rekomendas al ĉiuj gesamideanoj partopreni, ĉar neforgesebla estos tia ferio en pure Esp-a atmosfero inter multege da diversnaciaj gesamideanoj.

Prospekto senpage havebla ĉe

S-ro L. Friis,
Thyrasvej 15, *Aabyhøj*, Danlando.

## Junular-Semajno

La Federacio de Laboristaj Esperantistoj en la regiono de la nederlanda lingvo aranĝos kampsemajnon por infanoj de 12 ĝis 18 jaroj, kiuj kontentige kapablas uzi Esperanton.

La tendaro estos konstruata sur la — en Nederlando — konata kamptereno Doorn-Aŭsterlitz-Maarn, Nederlando.

Sporto, ludoj, promenadoj sur la vasta erikejo kaj arbaroj, kantoj, k.t.p. formas la programon.

La beleco de la ĉirkaŭaĵoj de nia kamptereno speciale allogos partoprenadon en la sendube interesa kaj ĝuiga kampado.

Nederlandaj infanoj pagas fk. 8. — inkluzive la vojaĝkostojn ; alilandanoj fl. 3. — sen vojaĝkostoj ; do tre malalta sumo.

Anoncu vin baldaŭ al :
K-dino A. C. Obbes, Roezemlaan 24 b., Rotterdam-Noord.

## S. A. T. kongreso

La XVIIIa kongreso de SAT okazos ĉi-jare, en Bruselo, de la 7 ĝis 13 Aŭgusto, en la socialista famkonata « Popoldomo » de Bruselo.

Ĝia sukceso anonciĝas granda. Kompare al antaŭaj kongresoj, la O.K.K. enregistris-ĝis nun la plej altan aliĝnombron.

Rilate la loĝadon oni zorgas pri amasloĝejo kaj tendejo, krom la kutimaj hotelloĝejoj kaj ĉe kamarada gastado.

Ne-SAT-anoj rajtas aliĝi kiel « gasto » je la samaj kondiĉoj kiel anoj. Ni supozas, ke multaj esperantistoj profitos tiun okazon por viziti ĉefurbon de Belgio kiu multe logas laŭ nia konstato.

Gravaj rabatoj sur fervojo kaj sur ŝipo jam estas konsentitaj en Belgio, Francio, Nederlando, Svedio.

La kongreskotizo estas : 40 fr. belgaj (30 fr. por tiuj kiuj aliĝos antaŭ 1 junio) La senlaborulo pagos duonon de tiuj kotizoj.

Por informoj, oni sin turnu al : Kdo L. Strainchamps, 148 Av. du Roi — Bruxelles.

Por aliĝo kaj pago, al Kdo G. Basteels, 26 rue du Parnasse - Bruxelles-ĝirokonto : 332.15. Oni ankaŭ povas pagi sur la kontoj de SAT en diversaj landoj. Koran bonvenon al ĉiuj!

La O. K. K. de la 18a SAT-kongreso.



## Pedagogia Enciklopedio kaj Esperanto

Sub titolo « Kultura donaco al ĉeĥoslovaka lernejo » aperas en Praha grava verko PEDAGOGIA ENCIKLOPEDIO, en 3 grandaj volumoj. Famaj pedagogoj kaj fakuloj redaktas ĝin, nome: Profesoroj *O. Chlup*, *Josef Kubálek* kaj *Josef Uher*. Kunlaboras multaj specialistoj el pedagogia mondo ĉeĥoslovaka. Tiu ĉi verko garantias pro sia precizeco gravan valoron, ĉar ĝi enhavas detalajn informojn pri ĉin demando, kiu interesas la instruiston, pedagogon kaj filozofon. La verko estas pro sia plaĉa arango vera « pedagogia vortaro ». tiom bezonata kaj sopirata ! Krom la artikoloj pri ĉiuspeca fako pedagogia kaj didaktika ĝi havas ankaŭ biografion de multegaj eminentuloj el mondo pedagogia.

Grava kaj gratulinda estis la *decido de la redakcio*, kiu postulis informojn pri ESPERANTO por sia verko. Samideanino *J. Šupichová*, faka instruistino en Praha, verkis 2 artikolojn, kiuj plene elĉerpigas la temon, ili estas « *Esperanto* » /aperis sur paĝo 396 en la I. volumo/ kaj « *Lingvoj internaciaj* » /558/. Vera sukceso en la verko de tia valoro, kia estas por ĉeĥoslovaka pedagogia mondo la Pedagogia Enciklopedió !

/Dankleteroj estu sendataj al profesoro *Josef Kubálek*, Jeronymova 16, *Praha-Smichov*, ČSR./

## Interŝanĝo

Deziras korespondi kaj interŝanĝi poŝtmarkojn poŝtkartojn ilustritajn kaj ilustr. gazetojn.
V. Rakauskas, Didziakiai Čekonys, Litovio.

## Islando vokas vin!

La gekursanoj de esp-deziras korespondi kun ĉiulandaj gesamideanoj. Sin turni al la kursgvidanto : S-ro Krestanov en *Reykjavik*, Islando.

## Regno de pensoj

Spirita, senpartia revueto de ĉiuj tempoj kaj nacioj estas havebla de :

Esperanto, Internat. ul. 42, Mukačevo, Č. R. R.

ESPERANTO - HORETO EN ČEĤOSLOVAKA RADIO, 7-IV-38

Brno — Praha I — Mor. Ostrava

7. Aprilo : 22.25 ĝis 23.35 h.

—

**Musika Radio - Komedio :**

**Amo por violono, violonĉelo kaj fortepiano**

Verkis B. Polách kaj J. Zalman
Musiko de Ed. Franta.
Tradukis Frant. Heikenwälder.

**Fondinto : H. Hodler, † 1920**
**Redakcio : Genève.**
**Red.: Provizora Komitato de U E A**
Presis : Granchamp,
Imprimerie, Annemasse, (Haute-Savoie)
Dato : 31 Marto 1938